UNUA JARO. — No 13. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 3 DECEMBRO 1905.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
So Paul BERTHELOT
CÉRET (P.-O.) Francolando.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj ĉe la sama adreso : 24 fr. nur en Franclando.
Luksa eldono, 12 n-roj, 4 fr.

REDAKTADO :
So Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

REKLAMO-ANONCOJ
Agento Ĝenerala : So EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REKLAMO EN JENAJ REVUOJ KAJ GAZETOJ :
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, La Juna Esperantisto, Esperanto Rusa, kc., kc.*

*La numero* **14** *de* **Esperanto** *eliros*
*DIMANĈO 17 DECEMBRO*

## PRI LA NECESECO DE DU NOVAJ PREPOZICIOJ

Sub tiu titolo : *Pri la neceseco de du novaj prepozicioj*, SAMIDEANO publikigis en la numero de 15 Oktobro de *Lingvo Internacia* artikolon tre interesan, kies resumo estas jena :

Mankas al esperanto unua prepozicio per komprenebligi frazojn tiajn ĉi : akcepto *de* la kongresanoj *de* la Calais'a grupo, almilito *de* Anglujo *de* Normanoj, ktp (1).

Mankas ankaŭ dua prepozicio por montri la devenon, la lokon de ekmovo, de foriro, de disigo, de dependo (fizika aŭ morala) en tiaj frazoj : foriro *de* Napoleono *de* la Elba insulo ; disigo *de* Ludoviko Deksesa *de* lia familio, dependo *de* ministroj *de* Parlamento, vido *de* la Blanka Monto *de* la Brévent monto.

Mankas ambaŭ prepozicioj en ĉi tiu ĥemia frazo : disigo *de* korpo X *de* korpo Y per reaktilo Z *de* sinjoro V.

Evidente en tiuj frazoj kaj en multaj aliaj similaj, la uzo de la prepozicio *de* igas la sencon malklara, eĉ tute nevidebla.

Sed ĉu estas necese krei du novajn prepoziciojn por korektigi tion ? Eble oni povus uzi tion kion esperanto jam havas.

Ekzamenu ni ja la unuajn ekzemplojn. La vortoj *akcepto* kaj *almilito* havas du komplementojn komencantajn de la prepozicio *de* ; kial ? Tial ke ili estas verbaj nomoj, tio estas nomoj enhavantaj sencon de verbo. Oni scias ke ĉia verbo aktiva ricevas subjekton kaj objekton (aŭ rektan komplementon, kiel ni diras france) : Petro akceptis Paŭlon, Normanoj almilitis Anglujon. Kaj kiam la verbo estas anstataŭita per verba nomo, ĝia subjekto fariĝas komplemento de l' nomo verba, kaj ricevas la prepozicion *de* : akcepto de Petro, almilito de Normanoj ; sed ankaŭ la objekto de l'verbo fariĝas komplemento antaŭita de dua prepozicio *de* : akcepto de Paŭlo, almilito de Anglujo. Do ni havas tie ĉi komplementojn subjektajn kaj komplementojn objektajn.

La subjekta komplemento ricevas regule la prepozicion *de*, ĉar oni diras : li estas akceptita *de* Petro. Sed ofte, en la esperanta uzado, la objekta komplemento estas enkondukita en la frazojn per la prepozicio *pri*. Se Samideano ankaŭ uzus tion, li ne plendus pri tiu ĉi punkto : li diru tute kompreneble : akcepto *de* Petro *pri* Paŭlo ; almilito *de* Normanoj *pri* Anglujo kaj eĉ se tio ne plaĉus al li — kaj kial ne ? — li rajtus skribi : akcepto de Petro *je* Paŭlo, almilito *je* Anglujo de Normanoj. Efektive, oni rajtus diri : Petro akceptis *je* Paŭlo, Normanoj almilitis *je* Anglujo, ĉar la prepozicio *je* regule rajtas anstataŭi l'akuzativon.

Tamen mi preferas, en tiaj okazoj, la uzadon de *pri*.

Oni ofte invitis la esperantistojn diri : amo al Dio (amo kiun ni havas por Dio), por diferencigi ĝin de : amo de Dio, tio estas : amo kiun Dio havas (por la homoj). Sed tie ĉi *amo* estas nomo tirita el aktiva verbo. Do kiam Dio estas subjekto mi diras : amo *de* Dio ; sed kiam li estas objekto, mi diras : amo *pri* Dio. Tio ŝajnas al mi almenaŭ tiel logika kiel : amo al Dio, kiu estas germanismo : *die Liebe zu Gott.*

Aliparte, por esprimi la komplementon de dependo, ni posedas la prepozicion *je*. Certe *je* markas la intiman kaj naturan rilaton inter du vortoj. Kiu ne komprenus tion ĉi tre regulan : la ministroj dependas *je* Parlamento. De oni ankaŭ tre komprenus : dependo de la ministroj je Parlamento. Rimarku ke mi doniş la prepozicion *de* al la vorto *ministroj*, kiu estas ankaŭ subjekta komplemento, laŭ la suprediritaĵo.

Fine restas bezono pri prepozicio de deveno, ekmovo, foriro, disigo. Tiu ĉi prepozicio ekzistas ja en esperanto, sed ĝi *dormas*. Tio estas *for* kiu similas je la propozicio angla *from* signifanta deveno, ekmovo, foriro, disigo. Oni uzas ĝin preskaŭ nur en kunmetitaj vortoj, kiel forpermesi, (1), foriri, forrampi, forŝteli, ktp. Sed kion signifas : mi forpermesas mian serviston, mi foriras de ja urbo ? Nur tion : mi permesas ke mia servisto iru for, mi iras for koncerne la urbo, aŭ pli simple : mi permesas mian serviston (iri) *for* mi, mi iras *for* la urbo.

Se oni konsentus uzi la prepozicion *for* kiel mi proponas, oni ricevus la du prepoziciojn ŝajne mankantajn al esperanto ; kaj oni nenion kreus.

Eble oni riproĉus : se vi ne kreas vorton, vi almenaŭ ŝanĝas la sencon. La sencon ? Ne ; oni vidis tion supre. Nur la uzadon kaj iomete nur. Cu tio estas malpermesita ?

Certe mi ne estas la kreinto de esperanto, sed lia ekzemplo inspiris min. En la antaŭa tempo, kiam li volis diri : « mi ŝtelis al li » li diris : « mi ĉirkaŭŝtelis lin. » Poste, li rimarkis ke tiamaniere la vorto *ĉirkaŭ* estis tirita malproksimen tro for sia propra senco, kaj li ŝanĝis tiel : « mi priŝtelis lin. » Kaj en la Vortaro germana-esperanta mi rimarkis multajn verbojn tiel kunmetitajn, kaj signifante ke la ago de la verbo rilatas nur ion koncernantan la objekton.

Tio estis nek kreaĵo, nek ŝanĝo de senco, sed ŝanĝo de uzado. Kaj en tiaj ŝanĝoj konsistas precipe la evoluado...

Do la frazoj de Samideano fariĝis sendanĝere, kaj — mi opinias — sen malklaraĵo : *akcepto pri la kongresanoj de la Calais'a grupo*, almilito pri Anglujo de Normanoj — foriro de Napoleono for la Elba insulo, disigo de Ludoviko Deksesa for lia familio, dependo de ministroj je Parlamento, vido de la Blanka Monto for la Brévent monto — disigo pri korpo X for korpo Y per reaktilo Z de sinjoro X (tio estas : disigo farita pri korpo X).

Mi skribis : vido de la Blanka Monto for la Brévent monto. Sed tio ne estas ankoraŭ ĝusta. Supozu ni la frazon : mia frato vidis la Blankan Monton for la Brévent monto. Gi fariĝos : vido de mia frato pri la Blanka Monto for la Brévent monto.

Tamen ĉu iu ne komprenis unue : vido de la Blanka Monto ? El tio ni devas konkludi ĝenerale oni povas uzadi, *kiel oni faras de dekok jaroj*, la prepozicion *de* anstataŭ *pri* kaj *for*. Kun ja malgranda diferenco : *pri* estas pli ofte necesa ol *for*. Kaj pro tio la esperantistoj jam de longa tempo uzas ĝin.

Mi memoras la prepozicion francan *à* kiu utiliĝas por multego da roloj : il est à la ville, il marche à quatre pattes, il se tient à deux mains : à signifas preskaŭ ĉion ; sed se oni volas precizigi, aŭ nur insisti pri la komplemento, la frazoj ŝanĝas tiel ĉi : il est *dans* la ville, il marche *sur* quatre pattes, il se tient *par* ses mains. En ambaŭ manieroj, la senco objektiva restas sama : li estas en la urbo, li marŝas sur kvar piedoj, li tenas sin per la manoj ; sed la subjektiva nuanco estas iomete alia.

Same okazos pri la prepozicio *de* unuparte kaj la trio de prepozicioj *de, pri, for*, aliparte.

SÉHEL.

N. B. — Mi tute ne malaprobas la tradukon : akcepto de kongresanoj *per* Calais'a grupo, ĉar nenia dubo aperas en la senco. Plu la ideo de « aganto » kaj de « aganta ilo » tre ofte tiel proksimiĝas unu al alia ke sendanĝere estas ilin konfuzi kaj ke eĉ povas ilin distingi nur tiuj kiuj akiris lertecon en logikado.

Cetere en ĉiaj aferoj gramatikaj, mia konkluda parolo — al mi gramatikisto — estos : plej granda libereco en komprenebleco ! Ĉar mi sperte scias ke *ia ajn lingvo sen libereco estas necese tre malfacila.* Esperanto ne povus do resti facila se ĝi ne gardus liberecon... en la limoj de komprenebleco. Preferinde estas lasi en ombro kelkajn nuancetojn de ideo, ol kompliki ĉion pro troa zorgo pri detaletoj.

(1) Mi ne vidas la difekton kiu kuŝus, laŭ Samideano, en : Tiu ĝardeno estas ornamita *per* floroj *de* lerta ĝardenisto. Car ĝi signifas tre klare : lerta ĝardenisto ornamis ĝardenon per floroj ; floroj estas ornamiloj.

(1) Mi komprenas *formanĝi panon* tiel ĉi : manĝi la panon tiamaniere ke ĝi fariĝas for de la loko kie ĝi estis, ke konsekvence nenio restas de ĝi : rato formanĝis la panon.

## DIVERSAĴOJ

### La Kongreso de Ĝenevo

(Septembro 1906)

Organiza Komitato

*Prezidanto :* Dr Maurice BOUVIER.
*Vice-Prezidantoj :* Dr Th. RENARD kaj F. THIÉBAUD
*Sekretario ĝenerala :* Edm. PRIVAT.
*Sekretarioj :* HODLER, MONOD, ODIER, E. M. BERNARD.
*Kasisto* , J. MEYLARD.

### En la Kongreso de Mons

En la Kongreso Internacia de tutmonda disvastiĝo ekonomia de Mons, So kapitano LEMAIRE, la fervora belga propagandisto, aklamigis la jenan voĉdonon :

« La Mons'a Kongreso rekomendas al siaj membroj la lernadon de Esperanto. Tiu lernado estas necesega por tiuj, kiuj volas priparoli kompetente la demandon pri internacia lingvo, dua lingvo la sama por ĉiuj.

Kvar horojn bezonas meza inteligento por skribi kaj legi Esperanton farante nur kelkajn erarojn.

Kiam tiu unua peno estas farita oni rekonos, ke plena instruado de Esperanto postulas nur dekduon da lecionoj.

De tiam la venontaj Kongresoj povos akordiĝi por peti enskribon de Esperanto en lernejaj programoj. »

Multegaj gazetoj raportis pri tiu signifa sukceso. Ni rimarkas ĝin en la itala *La Nazione* ĉiutagulo, sed kun tiu miriga fakto ke Ko Lemaire aliformiĝis en ia Ko *Lokaire*, kiun ni ne havas la honoron koni.

### Ĉirkaŭ Lyon

Sino Sarpy faras la kvar kursojn sekvantajn :

1o *Villeurbanne*, en la urbdomo, tiu kurso estis anoncita de urbaj afiŝoj.

2o *Les Charpennes* kurso organizita de la *Societo Amicale des jeunes gens des Charpennes*, ĝi estas tre vizitata (en lerneja Grupo).

3o *Oullins*, en la urbdomo, organizita de la esperantista oulina Grupo.

4o *Lyon-Brotteaux*, kurso fondita de la Prezidantino ĉe la *Association des jeunes filles du 6me arrt* (en lerneja Grupo).

### Grupo de Sceaux

La agema grupo de Sceaux (So), Seine, daŭrigas sian propagandon.

Ĵurnalo rondiranta estis organizita de l'grupanoj kaj multe da ili kunlaboras al ĝi.

Atendante la rekomencon de l'kursoj, ĉiun vendredon vespere okazas en la urbdomo kunveneto por interparoladi nur esperante, kaj, ĉiafoje, unu grupano, montrita de l'sorto, estas devigata fari esperantan paroladeton pri iu ajn temo.

Fine la komitato de l'Grupo decidis pagi al grupanoj unu abonon (unu por ĉia familio), al dek numeroj de Esperanto-ĵurnalo.

Sep anoj de l'Grupo sukcesis antaŭ ne longe ricevi la Ateston pri lernado.

Dro MAILLARD.

### Grupo de Sens

Niaj kursoj rekomencis de unu monato kun pli kaj pli da aŭdantoj fidelaj. Sro Deshays faras du publikajn kursojn (elementan kaj superan), kaj ankaŭ unu en la liceo, antaŭ 40-50 grandaj lernantoj.

Nun ĉe la publikaj kursoj, ni elirante kantas la tre vivan kaj facilan kanton de Fino Schafer « Antaŭen ».

La soldatoj kaj suboficiroj jam konas la vojon al la kurso kaj kelkaj fariĝas bonaj adeptoj.

Esperanto-ĵurnalo estas tre ŝatata ĉe ni kaj ni ĝin uzas por legado kaj ekzercoj

R. D.

### Esperanto en sportoj

Bohema gazeto sportista *Halftime*, kiu eliradas ĉiusemajne dum sezono, enhavas, ĉiunumere unu paĝon dediĉitan al *Esperanta anguleto de Halftime*, kies 1. *lecionoj esperantaj* konigas al legantoj la lingvon mem 2. *kroniko esperantista* notas boheme ĉiujn progresojn de esperanto 3. *esperanta raportanto* enhavas la esperantajn sciigojn pri gravaj okazintaĵoj sportistaj 4. *parolejo* respondas boheme aŭ esperante la demandojn de legantoj. En frunto de anguleto la redakcio represas la tradukojn de leteroj salutaj ricevitaj de pli gravaj Esperantistoj aŭ de esperantistaj sportistoj fremdlandaj. *Esperanta anguleto* estas tre zorge kaj sisteme redaktata de s-ro Hynek Bouŝka, kiun delegis por tio Esperantista klubo en Praha laŭ peto de l'redakcio de *Halftime*. La fondo de tiu ĉi konstanta rubriko estos sendube tre fruktodona, ĉar, kiel konate, inter Bohemoj estas multaj sportistoj en ĉiuj sferoj societaj kaj la nombro da abonintoj de *Halftime* estas granda. Kiu interesus pri la afero skribu al : Esperanta anguleto de *Halftime*. Praha-Král. Vinohrady. 1273. Bohemujo-Aŭstrio.

H. KAUFMANN.

### Tra niaj kolegoj

Se juna, bela filino ridas kaj reridas senkaŭze ; tiam estas — printempo.

Se bela virino kisas kaj sopiras esti kisita ; tiam estas — somero.

Se kvardekjara virino ekvidos la unuan blankan haron sur sia kapo kaj deziras, ke ŝi estus amota de juna poeto ; tiam estas — aŭtuno

Se blankhara virino maljuna ĝemas, ĉiam ĝemas kaj ĝemante murmuras ; « Ho ! kial mi ne amis plimultfoje ! ? » tiam estas — ... la vintro.

*(Hungara Esperantisto).*

### Tra la Mondo

La kvara numero de *Tra la Mondo* estas preskaŭ tuta dediĉita al Rusujo kaj Japanujo.

Ĵus leginte ĝin, mi ne povos kaŝi mian opinion, ke naciaj revuoj ne povus pli interese raporti pri tio.

Tamen ĝi estas tre originale redaktata kaj tute ne represo aŭ traduko de aliaj revuoj, sed propra kaj esperantista informaĵaro.

## PRI LA PROJEKTO DE Sro CHAPPELLIER

I.

La sistemo de Sro Chappellier estas tia, ke du personoj diversnaciaj, uzante ĝin, povos reciproke... ne kompreniĝi.

Cedeme, mi imagas la sistemon plene funkciadantan : Angloj kaj Francoj sendiference uzadas la du lingvojn anglan kaj francan ; la ceteraj popoloj, vole ne vole, lernis ĉu unu ĉu la alian el la diritaj lingvoj. Tiu lasta elekteblo estas la precipa utilo de la duopigo, ĉar la uzado ĉiea kaj samtempa de du lingvoj estus troaĵo.

Germana negocisto, kiu konis nek la lingvon anglan, nek la francan, rezignaciis, kvankam malkontente, lerni la plej profitan lingvon por siaj fremdaj rilatoj : li ellernis la francan.

France, li skribas al negocisto hispana.

La Hispano, ankaŭ, ne konis la lingvon anglan nek la francan. Tamen, egale malkontente, li rezignaciis lerni la plej profitan lingvon por siaj fremdaj rilatoj : li ellernis la anglan.

Li ricevas la leteron france skribitan de la Germano. Per letero angle skribita, li petas klarigojn de sia korespondanto kiu konas nur la lingvon francan krom la sian propran.

Kredeble, li nenion ricevos.

Mi opinias ke ambaŭ negocistoj, post tiu-ĉi provo — kaj pruvo — lernos Esperanton.

Vi diros al mi ke oni povus fari deva nur unu lingvon, ĉu anglan, ĉu francan. — Jes, sed la duopigo precize estas la originalaĵo en la projekto de Sro Chappellier. Formetu la duopigon, vi formetas la sistemon.

* * *

Cetere, la rimarkoj de Sro Bréal pri la duopigo, aŭ pli ĝuste pri la uzado de ia lingvo natura, estas plene aprobindaj. La uzado de lingvo natura, li diras, pli riĉigas la vivon spiritan ol la uzado de lingvo artefarita ; ja, per lingvo natura, oni povas legi ĵurnalojn de popolo, kontaktiĝi kun ĝiaj ŝtatistoj, pensistoj kaj poetoj. Tio-ĉi estas tute prava, almenaŭ en la nuna tempo.

Konvenas, tamen, rememoriĝi pri tio, ke la celo de lingvo internacia, serĉata de la duopigo, aparte, estas faciligi la rilatojn internaciajn. Cu la sistemo de Sro Chappellier nur celas riĉigi la vivon spiritan de la homaro ? Por tio, ne bezoniĝis elpensi sistemon. Sufiĉe estis diri : « Ellernu lingvon fremdan. » Per la duopigo, ĉiuj popoloj legos ĵurnalojn, konatiĝos kun ŝtatistoj, pensistoj kaj poetoj de Anglujo, Francujo

kaj Unuigitaj Statoj. Sed la aferoj de tiuj-ĉi regnoj ne estas. kiel iliaj lingvoj, internaciaj : por la aferoj kaj rilatoj inter la ceteraj nacioj, t. e. internaciaj, la lingvoj duopigitaj valoros nur kiel ilo de parolo aŭ skribo.

Taksonte la valoron de tia ilo, oni devas ekzameni kiel ĝi taŭgas por esprimi la ideojn kaj sentojn de ĉiuj, kaj ne sole de tri nacioj. Reprenante la jam diritajn negocistojn germanan kaj hispanan, mi vidas ke ili tute malzorgegis pri la maniero laŭ kiu Francoj aŭ Angloj farus aferon similan al ilia. Ili nur petis komunikilon.

Jam de longe, oni pruvis ke Esperanto estas komunikilo pli simpla, pli racia, pli perfekta, pli facile uzebla kaj akirebla ol lingvo natura.

AJNO.

II.

Ĉi tiu projekto ne kostis al sia aŭtoro multe da tempo aŭ da laboro kaj mi ne vidas tiam pro kio tiel same kaj reciproke Germanoj kun Rusoj, Italoj kun Hispanoj, k. c. ankaŭ ne duopigus siajn lingvojn. Aliparte oni ja lernigas en Francujo la anglan kaj en Anglujo la francan lingvon kaj nenia registaro, mi kredas, eĉ respublika, povus pli fari ol nun. Fine ĉiuj aliaj popoloj devus *necese* lerni la ambaŭ lingvojn francan kaj anglan por interkompreniĝi unu kun la alia.

Sekve kaj resume, dum ni klopodas por divastigi unu lingvon internacian, *neŭtralan*, *solan* kaj *facilan*, S^re Chappellier proponas al ni *du* lingvojn *naciajn*, t. e. *malfacilajn* : ĝi estas tro multe.

H. B.

## AKTIVAJ KAJ NEŬTRAJ VERBOJ

En la Fundamento, la senco de kelkaj verboj estas duba. Laŭ unu traduko, ili estas aktivaj, laŭ alia, ili estas neŭtraj aŭ samtempe aktivaj kaj neŭtraj. Rifuzinte fiksi pli precize la sencon D^o Zamenhof fidis je la uzado, por decidi pri ĝi. Do, ne malobeante la Fundamenton, ni povas disputi la aferon. Mi pensas ke ĉiuj esperantistoj kunopinios pri la du sekvantaj punktoj : 1° sin gardi de trouzado de sufiksoj, kio igus la lingvon malpli harmonian, pro ripetado de samaj finiĝoj ; 2° konservi, al ĉiu sufikso, sencon kiel eble plej precizan.

Nu jam S^o Ellis (L. I. 104) rimarkigis ke, en naciaj lingvoj, multe da verboj estas samtempe aktivaj kaj neŭtraj, kaj ke malkompreniĝo estus ankoraŭ pli neebla en esperanto, pro la akuzativa finiĝo, kiu klare montras ĉu ia verbo estas aktive uzatan. La verboj kiujn mi aludas estas : *balanci*, *komenci*, *fleksi*, *klini*, *movi*, *ŝanceli*, *paŝti*, *turni*, *ruli*. Mi eksterigas *paŝti* (kiu estas uzata nur aktive) ĉar oni povas logike diri : « La bovoj sin paŝtis la tutan tagon. » Sed mi opinias ke onu uzu la aliajn en la du sencoj aktiva kaj neŭtra, sen ia sufiso (1).

Mi konsentas ke en nia afero, praktikeco plivaloras ol logikeco. Sed ni ne enkonduku *senutilajn* nelogikaĵojn. S^o Cooks (L. I. 97) estis prava, dirante ke en la frazo « la tero turniĝas » la tufikso *iĝ* estas neĝuste uzata. Same kial uzi la formojn nelogikajn *sin trovi*, *sin vidi* kiam la verboj *troviĝi*, *vidiĝi* signifas tre regule *iĝi trovata*, *iĝi vidata*, subaŭskultante la propoziciojn « kiam oni serĉas, kiam oni aldirektas la okulojn » kiuj estas efektive en la penso de l'diranto ?

H. SENTIS.

(1) Tamen la sufiksoj estas iafoje uzindaj. Ekz. : La montanoj ruliĝis ŝtonegojn sur la malamikojn, — mi turniĝas turnludilon, — sub la frapo, li ŝanceliĝis.



### DEMANDO-TEMO

Ofte, la francaj esperantistoj uzas vortesprimon kiu ŝajnas al mi lingva eraro. Ili preskaŭ ĉiufoje trakukas la vorton *question* per la vorto *demando*.

Tamen, france, la vorto *question* estas komune dusignifa :

Ekzemploj :

1^a signifo : Je désirerais vous poser une petite *question* au sujet de...

2^a signifo : Aujourd'hui, je ne veux pas traiter une *question* philosophique.

Mi kredas ke tiujn frazojn, oni devas traduki :

1^a frazo : Mi deziras prezenti al vi malgrandan *demandon*...

2^a frazo : Hodiaŭ, mi ne volas trakti filozofan *temon*.

Ĉar ni ĉiam devas traduki la ideojn, kaj ne litere la vortojn.

La nefrancaj esperantistoj nenion komprenos en tia traduko pri la dua frazo :

Hodiaŭ, mi volas trakti filozofan *demandon*.

La Francoj, tre inklinas enporti ĉe matematika artefarita lingvo, la senlogikaĵojn de ilia natura lingvo.

V. R.

## « PRO CALABRIA »

Oni petas ke ni donu la tutan nomaron de la donacintoj je la kolekto *Por Kalabraj Suferantoj*. Jen estas ĝi. Ni profitas tiun okazon por rediri : ke la kolekto jam de longe estis fermita kiam gazetoj — tre laŭdinde fervoraj — sed iom malfruaj, komencis paroli pri ĝi. Oni do volu nenion al ni sendi plu, sed sin turni rekte al la petantoj.

| | | |
|---|---|---|
| D^ro Prof. H. DOR, el *Lyon* | 20 f. | » |
| D^ro Prof. SOULIER — | 20 | » |
| D^ro FROMAGEOT, *Beaune* | 10 | » |
| D^ro BRESSON | 5 | » |
| D^ro SAQUET, *Nantes* | 2 | » |
| GRUPO ESPERANTISTA, *Alĝero* | 10 | » |
| — *Havre* | 10 | » |
| — *Bourges* | 10 | » |
| — *Sens* | 4 | 35 |
| — *Charenton* | 8 | 35 |
| — *Vesoul* | 10 | » |
| SCHEERPELTZ, *Well Meseritsch*, Moravio | 10 | » |
| ESPERANTISTO, el *Marseille* | 10 | » |
| S^ro X. franca Esperantisto (Vosges) | 10 | » |
| Grafo GALLOIS, *Riolunato* | 10 | » |
| S^ro LETENNEUR, *Parizo* | 10 | » |
| — M. DUCHOCHOIS, *Boulogne-s-Mer* | 8 | » |
| Jurnalo *Alĝeria Stelo* | 5 | » |
| Prof. Ch. LAMBERT, *Dijon* | 5 | » |
| S^ro A. BEZINGÉ, *Constantine* | 5 | » |
| Fraŭlinoj VORIDE, *Parizo* | 5 | » |
| S^ro MONTROSIER, *Orléans* | 5 | » |
| — PÉLOILLE, *Parizo* | 3 | 50 |
| Liaj infanoj | 2 | » |
| S^ro MARSH PITT | 3 | » |
| — FOUSSAT | 3 | » |
| — KUYDA, *Varsovio* (1 rublo) | 2 | 60 |
| — FINEZ, *Dover* | 2 | 50 |
| Gesinjoroj ROUX | 5 | » |
| — AUBERT | 5 | » |
| — MOINARD | 5 | » |
| Du Fratinoj, el *Beaune* | 1 | 50 |
| Fraŭlinoj MENDEL, *Parizo* | 2 | » |
| BURLOTTE, *Parizo* | 2 | » |
| S^ro Louis BOULANGER | 1 | » |
| A. NARAT, el *Auxonne* | 1 | » |
| ECIRUAM, *Parizo* | 1 | 05 |
| WITTKE, *Gotha* (Germanujo | 1 | » |
| H. N., *Toulouse* | 0 | 45 |
| Gesinjoroj GÉRARD, *Parizo* | 0 | 50 |
| J. BUSUTTIL, *Malto* | 5 | » |
| S^ino Carol WIESLANDER, *Engelholm* | 10 | » |
| Diversaj | 3 | 40 |
| Sumo fk. | 253 | 20 |



## SPRITAĴETOJ

*Bona kaŭzo.*

Mastrido. — Sed, Mario, vi viŝas mian belan servicon per via naztuko ?

Kuiristino. — Jes, Mastrino, mi ne bezonas ĝin ; mi ne malvarmumis.

*Amikinaĵo.*

— Diru do, Bertino, ĝis kie estis dekoletita la robo kiun via amikino Ema portis en via lasta vespermanĝo ?

— Mi nescias... mi ne rigardis sub la tablo.

## BIBLIOGRAFIO

*Raoul Bricard. — Matematika Terminaro.*

Ĵus aperis libro necesega, matematika terminaro. Gis nun, diras la aŭtoro en sia antaŭparolo, verkoj matematikaj estas tre malmultaj en Esperanto literaturo, kvankam matematiko estas unu el aferoj plej bezonantaj internacian komunikilon. La tialo estas ke en la komuna vortaro mankas la teknikaj vortoj. S^ro Hoffbauer jam komencis en franca revuo *Les Nouvelles Annales de mathématiques* publikigi la terminaron bezonitan. Sed malsano, bedaŭrinde, malpermesis al la kompetenta aŭtoro fini sian verkon. S^ro Bricard refaris ĝin, sed alpreninte planon tre diferencan je lia. La terminaro komencita en la *Nouvelles Annales* estis kvinlingva (esp. fr. it. germ. angl.). S^ro Bricard pensis ke traduki vortojn el kiuj la plejmulto estas senpere kompreneblaj, senutile plilongigos teknikan terminaron, kaj li decidis redakti ĝin tute Esperante.

Aliparte, li skribis malgrandan krestomation matematikan, enkondukante vortojn per frazoj, kiuj ilin difinas aŭ donas ekzemplon de ilia uzo, kiam difino ŝajnis neutila. Krom sia taŭgeco por mallongigo, tia metodo ebligas doni multajn ekzemplojn de redakto matematika.

La aŭtoro autaŭsciigas ke li ne faris filozofian verkon. Esceptinte tro kondamnindajn malbonaĵojn, li akceptis plejofte la internaciajn terminojn kiam ili ekzistis, kvankam multaj ne estas laŭlogikaj. Sed formado de terminaro nepre laŭlogika ŝajnas tre malfacila eĉ neebla, ĉar ĝi bezonus, kiel S^ro Bricard komprenigas per ekzemplo, diferencajn esprimojn, laŭ la vidpunkto de la skribanto, ekzemple, laŭ ke li skribas ĉu pri la ebena, ĉu pri la spaca geometrio.

Ankaŭ la aktoro neniel intencas altrudi la vortojn elektitajn de li : li nur ilin proponas kaj li senĉagrene akceptos kritikojn pri ili, nur petante ke la estontaj aŭtoroj, nekonsentaj kun li pri unu vorto, bonvolu klarigi la kaŭzon de sia nekonsento ; ĉar li pensas, pravege, ke kunigo de ideoj kaj nedisigo de laboroj estas plej grava por la sukceso de la afero Esperanta.

Do, tiu terminaro, bonege redaktita, tre plena, kies vortoj estas tre zorge elektitaj tre taŭgos por decidigi matematikistojn uzi nian lingvon ; kaj ankaŭ la ideojn de la aŭtoro, kiujn li sciigas en sia antaŭparolo, pri la enkonduko de teknikaj vortoj, kaj pri la redaktado de teknika terminaro, ni tute aprobas, kaj ni altiras sur ili la atenton de ĉiuj kiuj estas publikigontaj samspecajn verkojn.

TH. R.

## EKZERÇOJ

### LA TRISTATOJ DE LA KORPOJ

La sciencistoj donas nomon [de] korpoj al ĉiuj objektoj kiuj nin ĉirkaŭas, kiaj ajn ili estas : tero, ŝtono, bestoj, vegetaĵoj, akvo, fumo, ktp. Oni diras ke la korpoj estas faritaj el ŝtofo. Per la ekzemploj cititaj, vi vidas ke la ŝtofo povas diversiĝi de unu korpo al alia.

Vi scias ke en vintro, kiam estas tre malvarme, la akvo frostiĝas, iĝas glacio. Se vi prenas inter viaj fingroj pecon de (*aŭ* da) glacio, vi konstatas ke ĝi estas malmola ; vi rimarkas ke tiu ĉi glaciero havas vastecon kaj formon proprajn kiujn ĝi konservas, se oni ne rompas ĝin kaj se estas sufiĉe malvarme por ke ĝi ne fandiĝu. Oni diras ke la glacio estas korpo firma.

Peco de kreto, briko, stango de fero, ŝtipo estas ankaŭ korpoj firmaj, ĉar ili estas malmolaj kaj oni povas palpadi ilin sen ke ili aliformiĝas ; oni povas ŝanĝi la formon de tiuj ĉi objektoj nur rompante ilin, kaj ĉiu el ili havas vastecon propran.

Iaj korpoj, kiel la butero, la graso, estas ne malmulte molaj kaj ne malhelpas ke oni knedu ilin facile. Sed ĉar ni povas palpadi tiujn korpojn, ĉar ili konservas la formon kiun ni donas al ili, ni povas ankoraŭ diri laŭ la difino kiun ni donis pri la firmaĵoj, ke la butero, la graso kaj la similaj korpoj estas ankaŭ korpoj firmaj.

Ni portu nun nian atenton sur akvo tenita en glaso. Se ni klinas la glason, la akvo fluas ; ni ne povas ĝin reteni, ĉar ĝi glitas inter la fingroj ĝi do ne estas malmola.

Plenigu ni per akvo karafon, kaj, post ke ni rimarkis (*aŭ* rimarkinte) ke la akvo prenis la formon de la karafo, verŝu tiun ĉi akvon en teran pladon ; ĝi havas nun la formon de la plado. Ni konkludas el tio, ke la akvo ne havas formon per si mem.

Sed se, dum tiuj eksperimentoj, ni metis duonlitron da akvo en la karafo, ni retrovos duonlitron en la plado.

Ni povus fari precize la samajn rimarkojn pri la petrolo, la vinagro, la oleo, kaj ni diros ke ĉiuj tiuj ĉi korpoj estas fluidaĵoj.

Oni nomas do korpoj fluidaj, aŭ nur fluidaĵoj, la korpojn kiuj, ne havante formon fiksan, prenas la formon de la vazoj kiuj enhavas ilin, sed kiuj ĉiam konservas la saman vastecon.

La tolaĵo tute malseka, kiun la lavistino sternas ĉe la sunlumo baldaŭ tute sekiĝas. Kio fariĝis la akvo kiu malsekigis ĝin ? Ĝi disvastiĝis en l'aero sub la formo de korpo kiu estas nevidebla, ĉar ĝi estas tute travida ; ĝi fariĝis vaporo de akvo.

La aero, en kiu ni estas enigitaj, kiel la fiŝoj enestas en la akvo, la ŝtonkarba gaso kiu foriĝas el la brulilo ne ekbruligita kaj lasita malfermita, kondutas kiel la akvovaporo.

Oni nomas korpoj gasaj, aŭ vaporoj, la korpojn kiuj havas nek formon nek vastecon fiksajn, kaj kiuj sin disvastigas ĉiam en la tuta spaco, kiu estas proponita al ili.

### LA PEZFORTO

Kiam ĉaro [antaŭen] iras, trenita de ĉevalo, vi diras ke [tio estas] la forto de la ĉevalo [kio] metas la ĉaron en movado ; same la forto de la lokomotivo glitigas sur la reloj la longan vagonaron multepezan ; kaj kiam la flugiloj de la ventomuelilo turniĝas, la forto de vento puŝas ilin.

Vi neniam vidis senvivan objekton sin meti per si mem en movado ; ŝtono, ekzemple, restos senfine sur la tero ĉe la sama loko, se nenio translokos ĝin.

Prenu ŝtonon en mano, kaj, post ke vi sublevis (*aŭ* sublevinte) ĝin super la tero, malfermu la manon : la ŝtono falos, tio estas ke ĝi direktiĝos al la tero. Sed, laŭ tio kion ni jus diris, se ĝi translokiĝas, tio estas ĉar forto efikas sur ĝi. Oni donas la nomon [de] pezforto al tiu forto kiu igis la ŝtonon fali.

Oni klarigas la falon de la korpoj, dirante ke la materio altiras la materion : [tio estas] la maso de la tero, de la globo kie ni loĝas, [kio] altiras kaj retenas ĉe ĝia suprajo ĉiujn korpojn, kiuj estas sur ĝi.

Kiam oni instruas la infanojn ke la tero estas globo izolita en la spaco, okazas ne malofte ke ili demandas : sed kiel ĝi ne falas ? Vi vidas ke tiu ĉi demando havas nenian signifon, ĉar fali estas deiri sur la teron ; en la senmezuro de l'spaco, kie nia tero turniĝas ĉirkaŭ la suno, estas nek alto nek malalto.

Ligu ĉe la fino de ŝnureto pezan objekton, ekzemple pecon de plumbo, kaj vi havas tion kion oni nomas vertikalilo. Forlasu la korpon tenante la ŝnureton per ĝia libera fino ; la korpo falos ĝis la momento kiam la ŝnureto, ŝtreciĝante, retenos ĝin. La ŝnureto prenis la direkton de la falo de la korpoj. Oni nomas tiun ĉi direkton la vertikalo.

Se oni konsiderus vertikalilon pendantan super kuvo plene je akvo, oni vidus ke la vertikalilo kliniĝas ĉe nenia flanko ; oni diras ke ĝi estas perpendika je la suprajo de la akvo, kaj la ebena sternajo de l'akvo estas dirita faco horizontala. Cia linio rekta, kiu, pro sia direkto, povus esti supozita farita sur tia faco, estas dirita horizontala : la kvar randoj de tablo tre rekte starigita, tiuj de l'apogilo de fenestro, estas linioj horizontalaj.

Kia ajn estas la objekto kiun vi tenas en mano, vi tre scias ke ĝi falos se vi forlasos ĝin ; oni esprimas tion dirante ke ĉiuj korpoj estas pezaj. Tiu ĉi vorto ne signifas tie ĉi, kiel en la ordinara lingvo, ke la korpoj estas pli-malpli pezaj (multepezaj) ; ĝi signifas nur ke ĉiuj korpoj celas reveni al la tero (*aŭ* teren).

ESPERANTO-JURNALO.

## POR PROPAGANDO

Ni havas kelkajn nevenditajn numerojn resenditajn de la vendistoj kaj tenejistoj. Tiuj ekzempleroj estas ne tre freŝaj, iom flaviĝintaj au makulataj, sed ankoraŭ tre taŭgaj por propagandaj celoj, kiel senpaga disdono, intenca perdo en legejoj, vagonoj, atendaj salonoj, por la hospitaloj kaj por ĉio kion povas eltrovi penso de lerta propagandisto. Ni povas ilin liveri *afrankite ĉe domo* por la jenaj prezoj :

| POSTPAKETO DA : | DUAEL EKTO | UNUA ELEKTO |
|---|---|---|
| 3 milgramoj (ĉirkaŭ 150 jurnaloj.) | 2 50 | 4 »» |
| 5 milgramoj (ĉirkaŭ 250 jurnaloj.) | 3 70 | 6 20 |
| 10 milgramoj (ĉirkaŭ 500 jurnaloj.) | 6 50 | 11 50 |

Supera elekto : tute freŝaj ekzempleroj. Unu cento : 4 fk., poŝto plie.

PREMIÈRE ANNÉE. — N° 13. Le Numéro : 10 CENTIMES. DIMANCHE 3 DÉCEMBRE 1905.



# ESPERANTO



JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION :
M. Paul BERTHELOT
CERET (Pyr.-Or.) France.

ABONNEMENTS
24 numéros consécutifs, 3 fr. pour le monde entier.
10 abonnements à la même adresse : 24 fr.
Edition de luxe : 12 numéros, 4 fr.

RÉDACTION :
M. Ch. LAMBERT
10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or).

N'envoyer à la Rédaction rien de relatif à l'Administration.

PUBLICITÉ-ANNONCES
Agent Général : M. EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

PUBLICITÉ DANS LES JOURNAUX ET REVUES SUIVANTES :
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, La Juna Esperantisto, Esperanto Rusa, etc., etc.*

*Le numéro* **14** *de* **Esperanto** *paraîtra*
*DIMANCHE 18 DÉCEMBRE*

## ESPERANTO & LANGUES NATIONALES

FIN

Mais comment s'effectue ce contact intime qui influe si profondément sur les idées et sur les mœurs ? Oh ! pas seulement au moyen de la connaissance superficielle de quelques mots de français baragouinés vaille que vaille ! Mais par la fréquentation continuelle des Français et par la connaissance réelle de l'esprit français à travers les livres, les journaux, la littérature. Je me suis laissé dire que malgré leur civilisation hautaine et soupçonneuse à l'égard de l'étranger, du roumi, des Arabes d'Algérie se sont vraiment francisés (et il y en a de beaux exemples) par l'esprit et le cœur. Ceux-là, j'en suis convaincu avant même d'en avoir la preuve, ont intimement vécu avec des Français et l'esprit français ; ils savent plus que baragouiner la langue française.

Mais il ne leur aurait pas même été nécessaire de connaître pour cela la langue française, il leur aurait suffi à la rigueur de pouvoir entrer en relations prolongées et suffisamment complètes avec les Français, par un instrument quelconque capable de leur dévoiler le cœur et l'esprit des Français, par exemple par... l'esperanto !

L'argument commercial est spécieux. On va chez le commerçant avec qui on peut s'expliquer, cela va de soi. Mais si le dit marchand français établi en Syrie savait baragouiner un peu de syriaque, il pourrait vendre à tous les Syriens. Et si le marchand français et le client syrien savaient l'un et l'autre l'esperanto, ils deviendraient bientôt plus que fournisseur et client, ils deviendraient une paire de connaissances, d'amis peut-être, qui sait ?

La bonne renommée d'une nation, d'où découle la prospérité de son commerce et l'influence de son esprit, s'infiltre partout par une infinité de canaux. Et d'autre part, la connaissance de quelques vagues mots de sa langue ne suffit pas à la faire aimer.

Qu'on me permette ici un souvenir personnel. En 1899, quelques amis et moi nous allâmes passer six semaines dans l'Allemagne du Sud. Partout nous fûmes fort bien accueillis. A Munich, nous avions loué pour un mois, Augustenstrasse, des chambres d'étudiants alors en vacances. La brave dame qui prenait soin de notre intérieur s'est toujours montrée d'une amabilité parfaite, et, à sa bonne et franche humeur, on voyait bien que ses attentions n'étaient pas uniquement inspirées par un sentiment mercantile. Et pourtant elle ne savait en tout et pour tout que ces deux mots de français : Bonjour, Monsieur.

Mais le premier dimanche de septembre — je n'en ai pas oublié la date — nous nous promenions dans les rues de Nuremberg en causant dans notre langue maternelle. Une demi-douzaine de galopins bientôt tourbillonnèrent autour de nous. Ils essayaient de nous comprendre, pour s'instruire ; ils nous débitèrent toute une série de phrases françaises qu'ils avaient sans doute apprises à l'école ; puis, parvenus au bout de leur science, ils nous parlèrent allemand. Comme nous n'avions pas l'air de les comprendre, ils s'enhardirent, et après quelques plaisanteries sans grande importance, l'un d'eux se mit soudain à nous insulter grossièrement : « Quand les Français, dit-il, voient les casques à pointe des Allemands, ils... » Je n'ose achever (1). Nous passions justement devant un poste de police. Je m'y précipitai et répétai l'insulte qui venait de nous être adressée. L'agent qui reçut ma plainte rougit jusqu'aux oreilles et se mit à courir après les petits garnements pour les corriger.

Pour savoir pas mal de français, ces gamins avaient-ils appris à aimer la France ?

Or, l'esperanto a pour but principal de remplacer en mieux cette connaissance superficielle des langues étrangères ; avec une dépense d'efforts dix fois moindre, il fournit, dans ce sens, dix fois plus de résultats pratiques. Sur ce terrain, il fait vraiment concurrence aux langues vivantes, et si toutes les personnes intéressées à se mettre en relations avec le monde extérieur savaient l'esperanto, il n'y aurait plus guère de gens qui baragouineraient les langues étrangères. Mais j'ai cru montrer ci-dessus que ce ne serait pas un mal, au contraire.

D'autre part, pour pénétrer vraiment jusqu'au tréfonds de la pensée, des sentiments et de la vie morale d'un peuple, je ne connais qu'un moyen, l'étude approfondie, prolongée et méthodique de sa langue et de sa littérature. De même qu'il n'y a pas et qu'il ne peut pas y avoir à proprement parler de bonne traduction d'un ouvrage, car toujours une traduction est forcément inexacte, de même on ne connaîtra parfaitement l'âme d'un peuple étranger, que si on la regarde dans ses manifestations les plus directes et les seules justes, je veux dire la langue et la littérature qu'elle a créées de sa propre substance. Ici donc l'esperanto ne pourra jamais rivaliser avec l'étude des langues vivantes.

Mais tout le monde n'a pas le temps ni les moyens nécessaires pour cette étude, et d'un autre côté, pour aimer une nation étrangère et pour participer noblement à la vie générale de l'humanité, il n'est pas nécessaire d'aller si au fond que je viens de le dire. Donc ceux que les circonstances auront privés de la connaissance des langues trouveront dans l'esperanto un remède à leur incapacité. Par l'esperanto ils s'approcheront assez près des âmes des peuples étrangers pour les comprendre et les aimer.

Et comme l'esperanto est, par sa facilité, accessible à une foule d'hommes, il doit donc contribuer efficacement à multiplier le nombre des personnes instruites des choses du monde entier, et partant il doit hâter la marche vers le progrès incessant de l'humanité.

Ces réflexions m'amènent à une question d'ordre plus pratique. Dans nos établissements d'instruction secondaire, l'enseignement des langues vivantes vise à la fois deux buts très différents : la connaissance du langage parlé, qui permet de voyager à l'étranger, et l'étude de la littérature, qui met en communion avec la nation étrangère. Et ces deux buts, s'ils ne se contrarient pas tout à fait, du moins ils se gênent. Quand on court deux lièvres à la fois, on risque de n'en atteindre aucun. Je pense que la plupart au moins des professeurs de langues vivantes seront de mon avis.

Pourquoi ne confierait-on pas à l'esperanto le soin de procurer aux élèves de nos collèges et de nos lycées un instrument de relations pratiques, tandis que l'effort des pédagogues professeurs se concentrerait sur l'enseignement vraiment digne d'eux de la littérature et de la pensée étrangères ?

CH. LAMBERT.

(1) Wenn die Franzosen die spitzigen Helme der Deutschen sehen, so scheissen sie in ihren Hosen.

## POIGNÉE DE NOUVELLES

**Conférences.** — La conférence faite le 31 octobre à Sotteville-lès-Rouen par M. Cayeux, instituteur et implantateur de l'esperanto dans cette ville, a été un vrai succès.

A la fin de la conférence, M. Cayeux propose aux auditeurs d'accepter le texte de l'adresse suivante pour être envoyée au docteur Zamenhof (cette proposition fut adoptée à l'unanimité) :

« Trois cents personnes réunies à Sotteville-lès-Rouen, Seine-Inférieure, France, pour écouter une conférence précédant l'ouverture d'un cours d'Esperanto, prient M. Zamenhof de bien vouloir agréer l'expression de leur admiration et de leur reconnaissance pour sa belle langue et les services qu'elle rend au commerce et à la cause de la paix internationale ».

* * *

A l'Hôtel de Ville d'Annecy, le 29 octobre, M. Boucon, professeur au lycée, a traité la question du Congrès international de Boulogne-sur-Mer. La conférence avait lieu sous les auspices de la Société d'Instruction populaire des arrondissements d'Annecy et de Saint-Julien.

A Grenoble, le vendredi 10 novembre, à l'Ecole supérieure de garçons, conférence par M. Sentis, professeur au lycée ; président, M. Recoura, professeur à l'Université de Grenoble et président du groupe espérantiste de cette ville.

M. Cart a fait, le 18 novembre, une conférence sur l'Esperanto, ses progrès et son avenir, à la Société artistique et littéraire des agents de la compagnie P.-L.-M. et des compagnies de chemins de fer français.

* * *

A Rennes, le 15 novembre, dans la Salle des fêtes de l'Hôtel de Ville, conférence par M. Beck, professeur au lycée, président du groupe espérantiste de Rennes. Rappelons que c'est M. Beck qui a jadis semé la semence de l'Esperanto dans la ville de Troyes, où elle a si bien prospéré.

* * *

Echo de la conférence de M. Bégel, répétiteur au lycée Ampère, au Cercle d'Etudes sociales « La Raison » à *Lyon*.

L'auditoire a paru particulièrement intéressé par la présentation d'un jeune étudiant russe de Saratov, que la fermeture des Universités en Russie vient d'obliger à s'expatrier et qui n'a pas d'autre moyen de communication orale à l'étranger que l'Esperanto.

Dans un petit discours en cette langue, traduit ensuite par le conférencier, il dit qu'il s'est rendu maître de l'Esperanto en quelques mois, au point de pouvoir correspondre avec de nombreux étrangers et de converser sur toutes sortes de sujets, alors que la langue française qu'il a étudiée pendant sept ans dans les écoles, est incapable de lui rendre les mêmes services.

La séance s'est terminée par 35 intéressantes projections photographiques.

Après la conférence, de nombreuses adhésions ont été recueillies pour les cours du jeudi.

(*Le Progrès de Lyon*).

* * *

**Cours d'Esperanto.** — Au collège de *Saint-Girons* (Ariège), par M. Roy, professeur.

A *Annecy*, par M. Boucon, professeur au lycée, « *Le cours se fait en Esperanto* et comprend des exercices de conversation pour les commençants. »

A *Nogent-sur-Marne*, par M. Pilin, du groupe espérantiste de Paris. Ce cours fait partie de ceux que donne en cette ville l'Association philotechnique.

A *Amiens*, cours spécial pour dames, professé par Mlle Desmarest.

A *Grenoble*, cours de perfectionnement par M. Sentis, professeur au lycée, dans une salle de l'école supérieure de garçons.

A *Besançon*, dans les locaux de l'Université.

A la Bourse du Travail de *Paris*.

A *Bourges*, dans l'école de la rue Michel Servet.

A *Agen*, au siège de la Société d'éducation populaire.

A *Marseille*, Bourse du travail ; professeur M. le Dr Rapine.

Au *Havre*, le Cercle d'études des employés de bureau havrais a créé un cours d'Esperanto ; professeur, M. H. Ducros, président du groupe du Havre.

* * *

A *Beaune* et ses environs (Côte-d'Or).

A Beaune, un cours public est fait par MM. Bord, professeur, et Dr Fromageot.

Deux fois par mois, il y a au collège réunion des espérantistes qui veulent se perfectionner dans la langue.

M. Coppenet, instituteur, fait un cours aux élèves de l'école de filles.

A *Savigny*, M. Gelot, instituteur, et Mme Bourquin, institutrice, vont commencer un cours élémentaire.

MM. les instituteurs de Echevronne, Meloisey, Mavilly, Nantoux, Pommard, Bligny-sous-Beaune ont promis de faire un cours.

M. le Dr Vesoux fait des cours de perfectionnement à Savigny-lès-Beaune, à Meloisey, à Pommard et à Bligny-sous-Beaune.

(*Un habitant de la Côte*)

* * *

Au cours d'Esperanto de *Troyes* :

Au début de la séance et pour montrer que l'étude de la langue nouvelle est accessible à tous, un jeune écolier de huit ans, qui apprend l'Esperanto depuis cinq mois, a salué la Société par quelques phrases de circonstance et récité la fable du « Renard et du Corbeau » le tout en Esperanto, bien entendu.

* * *

**Perpignan.** — Grâce au zèle et au dévouement de M. Baron, Perpignan a aujourd'hui *trois* cours d'Esperanto. Un le *mardi* et un le *samedi* au local de l'Association Polytechnique, et un troisième, le *dimanche*, à partir de ce soir, à la Bourse du Travail, pour les instituteurs et les syndiqués.

* * *

**Eu.** — On nous écrit :

« ... Je dois vous annoncer que, après avoir commencé, avec l'autorisation et l'approbation du colonel Sarrail, commandant le 39me régiment d'infanterie, un cours d'Esperanto fort suivi à la caserne Hatry, à Rouen, cours qui s'est trouvé interrompu par mon départ pour le peloton des dispensés, j'ai réouvert ce cours mercredi dernier à Eu, avec l'autorisation de M. de Gramat, commandant le 3me bataillon. Et je puis vous dire déjà avec plaisir que ce cours s'annonce comme devant être très assidûment suivi par une trentaine d'élèves, parmi lesquels de nombreux dispensés, quelques sous-officiers, et le directeur du peloton spécial des dispensés lui-même, le capitaine Broquette, un fervent espérantiste qui ne nous a pas ménagé ses encouragements. »

* * *

Groupe de Charenton :

M. Rigoir fait deux cours à Charenton, le mercredi, de 8 à 10 heures du soir, dont un cours supérieur en vue de l'Atesto pri kapableco.

* * *

Nous lisons dans l'*Avenir d'Aix-les-Bains* que les espérantistes de cette coquette cité ont décidé de former, sous la présidence d'honneur de M. le Maire d'Aix-les-Bains, un groupe Espérantiste se rattachant à la Société française pour la propagation de la langue internationale neutre Esperanto. — Des cours gratuits pour l'étude en commun de cette langue auront lieu à partir des premiers jours de décembre.

* * *

Parmi les journaux qui en ces tout derniers temps ont parlé de l'Esperanto, citons :

Le *Stamboul*, de Constantinople (journal français).
L'*Express*, de Mulhouse.
Le *Home*, de Paris.
La *Voix des Communes* (des environs de Paris).
Le *Progrès de Lyon*.
Le *Journal d'Amiens*.
Le *Petit Troyen*, de Troyes.
La *Tribune de l'Aube*, de Troyes.
L'*Indépendant de Tarn-et-Garonne*.
Le *Républicain*, de Saint-Malo.
Le *Journal de Beaune*.
Le *Journal de Sotteville*, près Rouen.
La *Vallée d'Eure*, de Pacy-sur-Eure (département de l'Eure).
Le *Phare de la Loire*, de Nantes.
Le *Courrier de Saumur*.
Le *Nouvelliste d'Amiens*.
L'*Espérance du Peuple*, de Nantes.
L'*Indicateur de la Savoie*, d'Annecy.
L'*Avenir Savoyard*, d'Annecy, etc., etc.

* * *

La motion votée au congrès socialiste de Châlon en faveur de l'Esperanto est rédigée dans les termes suivants :

« Le congrès de Châlon émet le vœu que la langue internationale Esperanto soit employée

